


**Nr-o 73** **1987/3 Decembro** **18a jaro**

## Informilo de Esperanto Ligo Filatelista
## – Faka asocio en UEA –

# 1887 – 1987









**Informilo de ELF-AREK (Faka asocio en UEA)**
**Esperanto Ligo Filatelista**
**Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj**

---

| | |
|---|---|
| **Prezidanto/Kasisto:** | Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, S-171 44 Solna |
| **Stampobanko:** | Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, D-3040 Soltau |
| **Kotizo por 1988:** | 15 poŝtaj respondkuponoj, maldekstre stampitaj. Aŭ egalvaloro: 50 svedaj kronoj (15.– gmk). |
| **Poŝtkonto:** | 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna, Svedujo |

---

## *Bonvenon al la dua jarcento de Esperanto!*

Abunda jubilefilatela rikolto ĝojigis nin en nia jubilea jaro. El esperantofilatela vidpunkto ĝi estis la plej fekunda jaro inter ĉiuj antaŭaj 99 jaroj. Pli ol 60 poŝtaj Esperantostampoj, 9 Esperanto-poŝtmarkoj, 3 tutaĵoj kun Esperanto-poŝtmarkoj kaj vico da aliaj poŝtaj Esperanto-tutaĵoj kuŝas sur nia komuna naskiĝtaga festotablo. Okazis impona esperantofilatela ekspozicio en la varsovia jubilea kongreso kaj okazis granda kunveno de Esperanto-filatelistoj kun pli ol 50 personoj, inter ili eble 25 de niaj klubaj geamikoj. La ĉinoj ankoraŭ ĉi-jare aperigos koloran katalogeton pri niaj Esperanto-poŝtmarkoj kaj ni en nia klubo devas prepari novan stampo-katalogon. Niaj klubaj geamikoj konstruis bonan fundamenton por plua esperantofilatela laboro, per kiu ni celas popularigi Esperanton. Subtenu ankaŭ estonte vian redaktoron de via esperantofilatela informilo per alsendo de materialoj kaj informoj.
La adreso: R. Burmeister, W.-Firl-Str. 30, DDR 9047 Karl-Marx-Stadt (Germana DR)

### Denove kotizo!

Jes! Jam denove jaro forpasis kaj kun ĝi la enhavo de nia kaso! Sen via kotizo nia modesta informilo ne povas ekzisti. Tial bonvolu ordigi vian konton ĉe nia kasisto. Se al vi mankas irk, kronoj aŭ gmk, tiam kontaktu nian stampobankon, kiu post interkonsento akceptas esperantofilatelajn materialojn. Necesas ne nur kotizo por nia laboro, necesas nepre ankaŭ via kunlaboro! Do: vian kotizon sendu al la kasisto kaj viajn informojn al la kompilanto de tiu ĉi informilo.

### Bonvenon al niaj novaj membroj!

Dr. M. Boulton, 36 Stockmore Street, GB-OX4 IJT Oxford
Johano Szilagy, Kiss Janos Altas 21, pt 5, H-1126 Budapest
Klubo Tutmonda Amikeco, 7 Theresa str. GHAXAQ, Malto

### Anonco

"13an de septembro 1987 okazis jubilea marŝo kaj ĉiuj ricevis memormedalon kun la teksto JUBILEOMARŜO kun verda stelo el metalo. Ni rezervis kvanton da medaloj por kolektantoj. La prezo estas 35 danaj kronoj. Vi povas mendi kaj samtempe pagi ĉe la kasisto de la Esperanto Unuiĝo de Naestved: Oliver Hansen, Abakken 3, DK 4700 Naestved, poŝtĝirkonto 3 31 31 90, Danlando"

---

*Al ĉiuj niaj karaj klubaj geamikoj ni deziras feliĉan novan jaron.*
*Ivar Paulsson kaj Rudolf Burmeister*

## Esperanto-filatela ekspozicio en la 72a UK

LKK de la 72a UK petis pri prezentado de Esperanto-filatela ekspozicio en la kongresejo kaj fakte ĝi okazis en la salono Dratwer tuj apud la enirejo de la Libro-servo. Tiu ekspozicio havis 5 partojn: la unua prezentis kompletan filatelan eksponaĵon de la konkura klaso pri la historio de Esperanto. Kutime tiu eksponaĵo troviĝas en filatelaj ekspozicioj ekster nia movado. La dua parto estis farita laú nefilatelaj reguloj por pure movada ekspozicio. En ĝi troviĝis ĉiuj ĝisdate aperintaj E-pm, sen variaĵoj, ofte kun tutaj folioj da pm, aú fotokopioj pri iuj E-pm, ekz. kolora kopio pri la bavara. En la tria, kvara kaj kvina partoj estis videblaj poŝtaj stampoj, elektitaj po kelkaj el ĉiuj landoj kaj ĉiuj de Pollando, kaj krome elekto da E-tutaĵoj, inter ili ĉiuj de GDR. Entute la ekspozicio ampleksis 340 ekspo-foliojn sur 22 kvadrataj metroj. La ekspozicion vizitis ne ĉiuj kongresanoj, sed tre multaj. Inter ili la prezidanto kaj vicprezidanto de UEA. Venis ankaú la televido kaj pluraj raportistoj de radio-stacioj. Aperis pere de internacia inform-agentejo bona informo pri ĝi, kaj en multaj landoj en radio kaj gazetaro aperis sciigoj pri tiu ekspozicio.

En la ekspoziciejo ĉiutage renkontiĝis niaj klubaj geamikoj, kaj iuj el ili eĉ ĉiutage vizitis ĝin, ekz. Bielak kaj Hlebarov. Dankon nepre meritas LKK, speciale s-ino Nawrocka kaj s-ro Staszczak, la Pola Filatelista Asocio, kiu disponigis la ekspoziajn kadrojn kaj helpantojn, sen kies subteno tiu ekspozicio ne povus okazi. Dankon ankaú al la Esperanto-redakcio de Radio Polonia, kiu grave kontribuis al la efektivigo de tiu ekspozicio kaj kun dum la kongresa semajno dufoje (aú pli) elsendis raportojn pri la ekspozicio. Koran dankon al ĉiuj tiuj, kiuj trovis laúdajn vortojn por la ekspozicio!

## ELF-AREK-kunveno en la UK

4 aú 5 sciigis al ni, ke ili estos en la UK. Ni mendis salonon por 50 personoj. Sed tiu salono estis tro malgranda por akcepti ĉiujn klubajn geamikojn kaj interesulojn. Nia kluba amiko Lech Kosieniak gvidis tiun kunveno. Inter ni estis ankaú 4 aú 5 geamikoj el Koreujo kaj Ĉinio. Eĉ Radio Pekino surbendigis partojn de nia kunveno, kies raportisto montriĝis E-filatelisto. S-ro Hirsch sciigis, ke li prilaboras jam delonge prezaron por E-filatelaĵoj, kaj ke necesas ankoraú multe da tempo por fini tiun laboron. Nia amiko Radnai disdonis interesajn kongresajn memoraĵojn, glumarkojn kaj kongreskartojn.

## E-pm en Ĉinio

La ministerio por poŝto kaj telekomunikado de la PR Ĉinio okaze de la 100-jara jubileo de Esperanto eldonis jubilean Esperanto-poŝtmarkon kun nominalo de 8 cendoj. La poŝtmarko portas verdan stelon kaj la jubilean simbolon kaj montras bluan terglobon. Supre aperas en la ĉina la teksto: 100-jara jubileo de Esperanto, kaj sube maldekstre la numero de la pm: J. 139. La markon desegnis sinjoro Xu Hongru, kiu estas studento de industri-arta instituto de oficistoj kaj laboristoj en la urbo Tianjin. Li desegnis ankaú la stampon kaj unuatagan koverton, kiun aperigis la Ĉina Nacia Filatela Korporacio. Jen la teknikaj datoj:

| | |
|---|---|
| Seria numero | J. 139 |
| Nominalo | Renminbi: 0.08 (8 cendoj) |
| Mezuro | 26 x 31 mm |
| Dentumo | 11,5 |
| Pres-tekniko | Multkolora fotopreso |
| Desegnisto | Xu Hongru |
| Eldontago | 26a de julio 1987 |
| Folio | 8 x 10 = 80 pecoj |
| Eldonkvanto | Sciigo pri tio sekvontjare |

Mi vidis kompletan folion, kiu posedis dekstre numerojn: en ruĝa: 36609, kaj en nigra: 396304. Sur folia marĝeno aperas plurloke surskriboj en la ĉina.

Pri la marko aperis anglalingva novaĵbulteno n-ro 13-1987 de la Ĉina Nacia Filatela Korporacio.

Ni kore gratulas al niaj samideanoj en Ĉinio pro la apero de la Esperanto-poŝtmarko.

Mi dankas al multaj ĉinaj amikoj, kaj speciale al Pekina Esperanto Asocio kaj al Ĉin Kajĝi pro informoj lige kun la ĉina Esperanto-poŝtmarko.

## GDR kun Esperanto-poŝtmarko

Jam en aprilo 1985 GDREA rekomendis al la poŝta ministerio de GDR eldonon de memoriga poŝtmarko okaze de nia jubileo. Poste sekvis la UNESKO-rezolucio de Sofio koncerne nian jubileon kaj la UNESKO-komisiono de GDR subtenis la peton de GDREA. Jaron poste la poŝtministro de GDR okazigis laborkunvenon en la ministerio, kiun partoprenis la sekretario de GDREA, d-ro Blanke, kaj la filatela komisiito de GDREA, R. Burmeister, kaj du grafikistoj kaj respondeculoj de la ministerio. La grafikistoj ricevis klarigojn pri Esperanto kaj la taskon projekti skizojn pri pm-bloko. Unu el la grafikistoj, s-ro Haller, loĝas en mia urbo kaj mi fariĝis lia konsilanto. Mi disponigis al li plurajn bildkartojn pri Zamenhof kaj kelkajn tekstojn, kiujn li uzis por la bloko. En fina laborkunsido en la ministerio oni decidis aperigi la projekton de s-ro Haller, kaj la rezulton vi jam ĉiuj posedas. Kion montras la GDR-marko:

La portreton de Zamenhof farita laŭ oleopentraĵo de la pentristo J.A. Maske el Dresden. La esperantisto Maske ĝin pentris 25.9. 1909 en Varsovio kaj ĝin donacis al Zamenhof okaze de lia 50a naskiĝtago. Siatempe okazis granda festo en la teatro Belmont kaj tie pendis sur la scenejo tiu oleopentraĵo. Ĉetere precize 30 jarojn poste, 25.9.1939, ruiniĝis la Zamenhofa domo en Varsovio fare de germanaj bomboj. Sed jam antaŭ la eksplodo de la dua mondmilito la pentraĵo troviĝis ie ekster Varsovio, kaj post la milito ĝi iel revenis al Varsovio kaj de multaj jaroj ornamas la kunvenejon de PEA en Varsovio.

Por la tekstrubando, kiu ĉirkaŭas la terglobon, la grafikisto elektis la jenajn sloganojn: "Esperanto im Dienste des Weltfriedens – Esperanto en la servo de la mondpaco" / "Für Freundschaft zwischen den Völkern – Por amikeco inter la popoloj", kaj, "Ohne Frieden keine Zukunft – Sen paco ne futuro". La tekston "100-jara jubileo de Esperanto" la ministerio postulis.

La grafikisto, s-ro Ekkehart Haller, DDR-9000 Karl-Marx-Stadt, A-Strobel-Str. 72, estas 45-jara, edzo kun du infanoj, elstara grafikisto de GDR. Li kreis multajn pm kaj ricevis "oran pm" por la plej bela en la jaro 1984, por la porcelana serio, kaj 1986 por la bloko Semper – operejo de Dresden.

La teknikajn datojn ni jam prezentis en LVL n-ro 72. Poŝta unuataga koverto ne aperis, sed unuataga stampo, kiu funkciis du monatojn en la poŝtejo Berlin 1085. Sciu tamen, ke estas valoraj kovertoj kun tiu bloko, kiuj posedas la stampon de la unua tago, 7.7.1987 de Berlino. Sed ankaŭ de ĉiuj aliaj urboj kun simpla datstampo kun tiu dato. Bedaŭrinde la eldonkvanto de 2,1 milionoj tute ne estis sufiĉa por la bezono. Tial eblis akiri en la unua tago nur 3 ekzemplerojn. Poste GDREA tamen ricevis kvanton da blokoj. Sed jam ne eblis fari kovertojn kun la unuataga stampo.

Kion diri ankoraŭ? Al iuj esperantistoj en GDR la portreto do ne plaĉas, "malbela", ili diras. Sed, nia Zamenhof tiel aspektis, kaj grafikisto lin tiel skizis. En aliaj landoj oni ĝenerale tre laŭdis tiun blokon. Kaj ni en GDR estas feliĉaj, ke la ŝtato rekonis nian E-laboron per eldono de memoriga pm. Same feliĉaj kaj fieraj, kiel la esperantistoj en tiuj aliaj landoj, kie aperis esperantaj poŝtmarkoj kaj tutaĵoj.

## Jubilea poŝtmarko en Pollando

La 25an de julio 1987, tio estis la kongresa sabato, multaj kongresanoj vicatendis en la poŝtejo de la kongresejo por akiri la polan jubilean poŝtmarkon. 500 metrojn apud la kongresejo estis la ĉefa poŝtejo, kaj tie neniu vicatendis, sed tion ne sciis niaj homoj. Kio min plej impresis, estis la fakto, ke eblis aĉeti la pm en dezirata kvanto. Miaj deziroj tamen estis limigitaj pro la financa povo. Nominalo de 45 zlotoj signifis por mi multe da mono. Pro la tre strangaj kursoj. Sed tio ne gravas por vi, kaj mi ne pereis pro tio. Pri la malfacila naskiĝo de tiu pm mi ne multon scias, ĝi aperis, kaj bone. La giĉeto kun la stampilo estis daŭre de longega vico okupata. UTK haveblis nur dum du aŭ tri horoj, poste tamen denove. Iom kaosa afero. Oni ja sciis pri 6 000 kongresanoj. Mi bedaŭris la du servantajn poŝtistojn. Ege modesta prezentiĝas la jubilea stampo, unuataga stampo kun la dato 1987.07.25, kiu funkciis fine dum la tuta kongresa semajno kiam oni rimarkis, ke ja ankaŭ okazas UK, por kiu oni ne havis memorigan stampon en la patrujo de Esperanto. Strange, ke en nia Movado ĉiam denove respondecas karaj, pasiaj Esperantistoj, kiuj nenion komprenas pri E-filatelio. Nia ĉi-jara pola UK-LKK ne bezonas pro tio honti, temas ja pri konata fenomeno. Sama LKK sukcesis okazigi E-filatelan ekspozicion, unuafoje en la historio de niaj Universalaj Kongresoj, en tia amplekso.

Nuja, pri la pola E-pm: Ankaŭ sur ĝi aperas portreto de Zamenhof, verda stelo kaj teksto en la pola "100 LAT JEZYKA ESPERANTO". Ni ĝojas pri la apero de tiu poŝtmarko kaj gratulas al PEA, ke ĝi sukcesis aperigi ĝin. La teknikajn datojn ni jam prezentis en nia LVL 72. Volonte mi aperigus pli longan artikolon pri ĝi, prefere el plumo de iu el niaj polaj geamikoj, sed mi ne ricevis tian.

## Malto kun E-poŝtmarko

Longe ni ĝin atendis, en la Esperanto-filatela ekspozicio de la Varsovia UK ĝi estis jam videbla sur la oficiala bulteno de la filatela oficejo de la poŝta direkcio de Malto, kaj nun ni ĝin havas! La 18an de aŭgusto 1987 ĝi aperis en la poŝtaj giĉetoj de Malto kune kun du aliaj ne-esperantaj poŝtmarkoj. Nia 8-cenda poŝtmarko prezentiĝas en formo de modernstila litografaĵo, kiun grafikis s-ro (ino) Antoine Camilleri. Koran gratulon al la Malta Esperanto Asocio, fondita en 1978, pro tiu granda sukceso. Bela, malbela? Mi ĝin trovas bela. Sur la pm aperas la E-stelo kaj la vorto ESPERANTO 1987, en la subo: MALTA – CENTINARJU TA'L-ESPERANTO. La marko posedas akvosignon "malteza kruco", la dentumo estas 14. Unu folio posedas 40 markojn. La aliaj du poŝtmarkoj posedas nominalojn de 5 kaj 23 cendoj. Mi bedaŭrinde apartenas al tiuj homoj, kiuj ne regas la anglan lingvon kaj sekve mi ne povas doni al vi iujn detalojn el la anglalingva bulteno. Informojn pri poŝta UTK mi ne ricevis. Sed ekzistas memoraj kovertoj kun la unuataga stampo, kiu posedas apud du aliaj ne-esperantaj simboloj ankaŭ tiun nian jubilean simbolon. La memoraj kovertoj portas la tekston CENTJARA JUBILEO DE ESPERANTO, ankaŭ en la malta lingvo. Esperanto-Societo de Malto, John Vella Bondin, PO Box 142, Valletta, Malta vendas: 1 pm = 0.50 dolaroj, 1 utk = 1 dolaro, sendokostoj: 1 dolaro. Eble intertempe ankaŭ nia stampobanko posedas la materialon.

## Novaj E-tutaĵoj

### Markokoverto en Sovetunio

Ni kore gratulas al la rusa grafikisto Leonid Zajcev, kiu ellaboris unu el la plej belaj jubile-jaraj E-filatelaĵoj: memorigan koverton kun surpresita Esperanto-poŝtmarko! Tiu poŝtmarko prezentas portreton de Zamenhof kaj ruslingvan tekston pri la centjara jubileo de E. Maldekstre sur la koverto pompas kvinpetala verda floro kun packolombo kaj la teksto "100 jaroj de Esperanto". La surpresita pm posedas valoron de 5 kopekoj kaj en la poŝtejoj la prezo por la koverto estis 6 kopekoj. Eldonkvanto ne estas konata. Por la koverto ekzistas unuataga stampo kun la dato 20.7.1987.

Koran dankon ni direktas al Leo Vulfoviĉ en Moskvo, kiu sendis informojn pri tiu stampo kaj kiu ankaŭ havis bonan kontakton al la grafikisto. Se vi deziras posedi tiun koverton kun aŭtografo de la grafikisto, li certe tiun povas havigi al vi. Ni deziras al nia kluba amiko Leo Vulfoviĉ baldaŭan resaniĝon!

### Nova E-pk en Hungario

Nia kluba amiko Stefano Fekete kaj ankaŭ nia Vilmos Radnai informis pri la apero de jubilea E-poŝtkarto kun nominalo de 2 forintoj en Hungario. La 14an de julio 1987 ĝi aperis en eldonkvanto de 20 000 pecoj. Tio estas ege malalta eldonkvanto, kaj sekve ĝi ne estas facile havebla. Tamen mi pensas, ke ĉiuj niaj klubaj amikoj ĝin akiros. La poŝtkarto prezentas la verdan E-stelon sur la surpresita poŝtmarko kaj tekston en la hungara pri la centjara jubileo de Esperanto. Maldekstre ornama surpresaĵo kun nia jubilea simbolo.

### Koreujo kun E-poŝtkarto

La 26an de julio 1987 aperis en Koreujo memoriga poŝtkarto kun surpresita poŝtmarko. La nominalo estas 60 uonoj (vonoj) kaj la marko prezentas portreton de Zamenhof kun kore-lingva teksto. La eldonkvanto estas 1 miliono. Koreaj partoprenintoj en la varsovia UK kunportis kaj donacis ĝin al kongresanoj. Ni kore gratulas al Korea Esperanto Asocio. La pk ekzistas kun diversaj dorsflankaj surpresoj privataj kun adresoj de koreaj kongresanoj. Poŝta E-stampo ne aperis. Sed la pk estas havebla kun normala datstampo de 26.7.1987 interŝanĝe kontraŭ E-pm kaj E-pk, escepte de ĉinaj aŭ bulgaraj.

Proponu vian oferton al: Prof. d-ro SO, Gilsu
Seulo-120, sodemun, PO Box 59, Koreujo

## Novaj poŝtaj Esperanto-stampoj

### V. Banja en JU

Okcidentlandaj klubaj amikoj skribis, ke en V. Banja estas nova E-stampo kaj en la 72a UK ĝi estas videbla. Sed mi bedaŭrinde ne vidis ĝin. Tial mi ne povas doni al vi informojn pri ĝi.

### 100 Eves Az Eszperanto

-a beke nyelve . . . : Esperanto la lingvo de la paco estas 100-jara. Tio estas la teksto de hungara maŝinstampo, kiu funkciis dum julio 1987 en Budapest-SE 72. Temas pri HU 103. Dankon al Radnai kaj Fekete, kiuj ĝin sendis al mi. Mankas informoj pri la tempo de la uzado, kaj, kiu mendis tiun stampon.

### 20-a IREN

INTERNACIA NATURAMIKA ESPERANTISTA RENKONTO – ABALIGET – HUNGARIO, tiel tekstas tiu plaĉe grafikita poŝta stampo en formo de nia jubile-jara simbolo. Amiko Fekete sendis al mi ekzempleron kun la dato 13.07.1987. Koran dankon al li kaj gratulon al sinjorino Elizabeta Pallos, kiu organizas tiun IREN. Tiu stampo posedas la katalogan numeron HU 104.

### Centenario do Esperanto

kaj LINGUA INTERNACIONAL, jen la teksto de jubile-jara poŝta Esperantostampo, kiun unuafoje mi vidis en la centra oficejo de la 72a UK kaj kiun post mia reveno mi trovis en mia poŝtkesto. Sendis ĝin Elu Bueno al mi. Koran dankon! Tiun stampon oni uzis dum la 23-a brazila E-kongreso, kiu okazis de la 13-a ĝis la 19-a de julio 1987 en Rio de Janeiro. Ekzistas memoriga koverto pri la kongreso kaj pri la Centjariĝo de Esperanto.

## GDR 33

Por la jubile-jara Esperanto-poŝtmarko de GDR la poŝta ministerio pretigis poŝtan memorigan Esperanto-stampon. Tiu funkciis de la 7a de julio ĝis la 7a de septembro en la ĉefa poŝtejo Berlin 1085. La stampo posedas kvinpintan stelon, sub ĝi la tekston 100 JAHRE ESPERANTO kaj en la suba rondo: 100-jara jubileo de Esperanto. Kiel jam aliloke dirite, ne ekzistas utk por tiu e-pm. Mi tamen klopodis sendi al kelkaj geamikoj la E-pm kun stampo de la unua tago. Sed plej verŝajne la poŝtejo fuŝis la aferon. Mi ricevis al mi adresitan koverton nur kun la stampo de 29.7.1987.

## HU 103

Jen kompletigo: tiun maŝinstampon iniciatis la hungara poŝto. Poŝtoficejo n-ro 72 funkcias en la Orienta Stacidomo (Keleti pu). Tion informis nia amiko Fekete.

## POL 130

Nia kluba amiko Mikulski en la poŝta muzeo de Wroclaw dum aŭgusto kaj septembro 1987 prezentis sian filatelan eksponaĵon pri Esperanto. Rajti tion fari, signifas, ke la eksponaĵo devas posedi altan kvaliton. Ni do kore gratulas al nia Mikulski, kun kiu mi persone konatiĝis dum nia 72a UK en Varsovio. Okaze de tiu ekspozicio la poŝtejo de la muzeo uzis stampon je la 25.07.87, kiu montras E-stelon sur marko kaj la tekston ESPERANTO NA ZNAKACH POCZTOWYCH, verŝajne: E sur poŝtaj signoj (pm, sta, utk ktp). Nia Stefan Bielak sendis al mi koverton kun tiu stampo – dankon! Mi trovis sur ĝi pm de Kotarbinski. Al mi ŝajnas, ke li iam havis rilaton al E?

## PO 131

Dank'al Stefan Bielak el la pola Inowroclaw, pasia E-filatelisto, jen informo pri tiu stampo el Pollando:

Temas pri ronda portreta stampo kun dato 1987.07.29. Ni vidas portreton pri Zamenhof kaj polan tekston pri nia centjara Esperanto. El revuo esperanto ni ekscias, ke la 29an de julio 1 500 kongresanoj ekskursis al Bialystok por omaĝi al Zamenhof. Ili akceptis tie deklaron, senditan poste al la tuta mondo. Kaj ni ekscias, ke en Bjalistoko oni intencas fondi Esperanto-centron.

## MALTO 3

Dank'al s-ano John Vella Bondin, sekretario de la Malta Esperanto Societo hodiaŭ eblas priskribi tiun ĉi novan maltan Esperanto-stampon. Temas pri ronda unuataga stampo kun tri simboloj, unu el ili estas nia jubilea simbolo. La teksto en la stampo estas nur en malta lingvo, plene nekomprenebla por mi, eble vi komprenas: l-ewwel jum tal-hrug? VALLETTA MALTA ni komprenas. Dankon al sinjoro Vella-Bondin, kiu sendis la stampon k la poŝtan bultenon.

## NED 18-4

Jen la delonge anoncita 4a variaĵo el s'Gravenhage, kiu atingis min el la manoj de nia estimata Annie Wester el Zaandam, de J. Kuijpers el Rotterdam kaj de Ric van der Koog-Wal, kiun mi tute ne konas. Dankon al ĉiuj tri! Tiu maŝinstampo ekfunkciis 1.IX.1987 kaj portas la saman tekstoparton kiel 18-1, -2 k -3: ESPERANTO / 100 JAAR / INTERNATIONALE TAAL.

## ITA 42

"Korajn salutojn – Francesco Pignatelli/Maria Amadei-Bologna", jen la salutvortoj sur poŝtkarto ricevita el al itala PISA, kiu portis novan Esperanto-stampon. Dankon al vi ambaŭ!

La stampo montras la oblikvan turon de PISA, jubilean simbolon, kaj la tekston:
58 CONGRESSO ITALIANO DE ESPERANTO/CENTENARIO GIUBILEO.
La stampo posedas la daton de 14.09.1987. Do, ankaŭ la italaj esperantistoj posedas jubilean filatelaĵon.



## MEK 2

Nia kluba amiko Angel Segura en Meksiko sendis informon al nia Ivar Paulsson pri apero de nova meksika stampo. Li skribis, ke li ankaú desegnis tiun duan stampon (ni tute ne sciis, ke li desegnis jam tiun unuan okaze de la 37a TEJO-kongreso) kaj atingis aprobon de la meksikiaj poŝtaj aútoritatuloj por ĝia eldono. La aspekto de tiu stampo estas iom nekutima, mankas en ĝi nomo de urbo. La stampo tekstas:
MEKSIKIA POŜTA SERVO/JULIO 26a/CENTJARA JUBILEO DE ESPERANTO/CENTJARIĜO DE LA INTERNACIA LINGVO/ESPERANTO/SPECIALA STAMPO kaj en la mezo posedas nian jubilean simbolon. La teksto estas en la hispana lingvo k parte en Esperanto. Angel Segura pretas interŝanĝi tiun meksikian jubilean stampon kontraú aliaj jubileaj filatelaĵoj (nur po unu), ĉar la Meksikia Posta Servo lin petis fari ekspozicion pri ĉiuj jubileaj Esperanto-filatelaĵoj. Lia adreso estas: Angel Segura, Apartado M-2003, Mexiko 06000, D.F. MEXIKO.

## FRA 51

Nia juna Michel Basso en la franca Wintzenheim sendis al mi poŝtkarton kun la teksto "Korajn salutojn" (maneskribitan), kaj sur ĝi mi trovis novan maŝinstampon, kies datstampo montras la daton 25.9.1987 kaj urbonomon: MONTIGNY LES METZ. La tekstoparto estas franclingva: 1887–1987/CENTENAIRE/de la/LANGUE INTERNATIONALE/ESPERANTO.
Maldekstre en la tp vojmontrilo kun homo. Tiun stampon iniciatis la loka filatela klubo okaze de filatela ekspozicio, kie ekspozicias ankaú nia BASSO. Bv skribi la tempon de la uzado!




**Százéves az eszperantó mozgalom**

(alkalmi levelezőlap)

| | |
|---|---|
| 1987. július 14. | 2 Ft |
| Eladási ár: | 2,40 Ft |
| Díjjegy: | Az eszperantó szövetség jelvénye |
| Kép: | Az Eszperantó Világszövetség emblémája |
| Tervező: | Bánó Attila |
| Nyomás: | Többszínű ofszettel, az Állami Nyomdában |
| Példányszám: | 20 000 |









## Poŝta stampo en Moskvo

La 20an de julio 1987 la centra poŝtejo en Moskvo uzis unuatagan poŝtan Esperantostampon en rusa lingvo kun la teksto: 100 jaroj de la internacia lingvo Esperanto. Tiu stampo posedas libran formon kaj montras packolombon. La stampon desegnis la pentristo Leonid Zajcev el Moskvo. Gratulon! Dankon al Lev Vulfoviĉ en Moskvo, kiu informis pri ĝi. Temas pri la stampo SU 2. SU 1 estis uzata antaŭ pli ol 60 jaroj, en la jaro 1926 en Leningrad okaze de SAT-kongreso.

## FRA 50

En la franca St. Martin Boulogne funkciis maŝinstampo, kiu informis pri la 60a SAT-kongreso en la franca lingvo. Sendis ĝin la amikoj Amouroux kun la dato 29.6. kaj Legris kun la dato 16.7.87. Tiu stampo posedas ankaŭ la noton: 1887 —ESPERANTO – 1987. Dankon al ambaŭ.

## PO 127 el Siedlce 1

Stefan Bielak el Inowroclaw persone transdonis al mi dum la 72a UK informojn pri tiu ĉi stampo. Mendis ĝin la organizantoj de esperantista ŝak-olimpiado. La rektangula stampo montras i.a. la E-stelon kaj ŝako-ĉevalon. La stampo aperas nur kun la dato 1987-07-15. Koran dankon al Bielak.

## PO 128 el Krakow 1

Estis d-ro Brosche el GDR, nia kluba amiko, kiu ĝin donis al mi dum nia ELF-AREK-kunveno en Varsovio. Temas pri ronda portreta stampo pri Odo Bujwid kun pola teksto pri la IMEK 87. Pri Odo Bujwid ni jam skribis pli frue en nia informilo. Koran dankon al d-ro Brosche!

## PO 129 en Varsovio

"100 jaroj de Esperanto" tekstas en la pola tiu unuataga stampo por la pola jubilea E-pm. Havebla ĝi estis dum la tuta kongresa semajno, sed nur kun la dato de la 25a de julio, la eldontago de la E-pm, kaj nur post longa atendado en vico antaŭ la poŝteja giĉeto en la kongresejo.

## CS 20 el Nitra 1

13 jarojn post la lasta E-stampo de CS aperis nun denove poŝta E-stampo, en Nitra, okaze de la X-a JUBILEA KONGRESO DE SLOVAKIA ESPERANTO ASOCIO, kiu okazis de 19–21 junio 1987. Bedaŭrinde la poŝtistino terure fuŝis la stampadon. Tial la teksto apenaŭ estas legebla kaj la mono por tiu stampilo estas vane elspezita de la mendintoj. Koran dankon al Fridrich Zöld, kiu sendis la stampon kaj la informojn pri ĝi.

## AU 21

De la 18a ĝis la 21a de julio funkciis okaze de la jubilea Esperanto konferenco 1987 en Graz speciala poŝt-agentejo en la konferencejo, en la "Karl-Franzens-Universitato Graz". Speciala ronda stampo tekstas: JUBILEA ESPERANTO KONFERENCO – 100 JAROJ ESPERANTO KULTURO kaj montras la jubilean monumenton "La espero" en Graz kaj du E-stelojn. La stampo ekzistas kun variaĵoj de la ciferoj 1, 2 kaj 3. Mi dankas al s-ano Manninger, kiu sendis poŝtan informilon pri tiu stampo, kaj al s-ano Straif, kiu sendis al mi la stampon sur bildkarto (kun cifero 1).






Katalogo de Cinaj Esperanto-poŝtstampoj,regiono,urbo,dato kaj temo.
1.numero. 2.municipoj,provincoj kaj aŭtonomaj regionoj.
3.urboj 4 datoj 5.temoj. 6 bildoj,tekstoj kaj formoj.

| 1. | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Yunnan | Kunming | 1985-08-23 | La Unua Cina kongreso de Esperanto | |
| 2 | Pekino | | 1986-07-26 | 71-a UK | (terglobo |
| 3 | Pekino | | 1986-07-26 | 71-a UK | (Stelo kun Granda Muro |
| 4 | Pekino | | 1986-07-26 | 71-a UK | (Kolomboforma |
| 5 | Jiangsu | Changzhou | 1986-07-26 | 71-a UK | (Terglobo k Tian-pordego |
| 6. | Pekino | | 1987-07-26 | Centjara jubileo de Esperanto | (stelo kaj jubilea simbolo |
| 7 | Pekino | | 1986-07-26 | Centjara | Stelo kun E. |
| 8 | Sanhajo | | 1987--07-26 | " " | (terglobo k kolombo |
| 9 | Tianjin | | 1987-07-26 | " " | (terglobo k figuro |
| 10 | Jiangsu | Nanjing | 1987-07-26 | " " | (Jubilea simbolo |
| 11 | | Changzhou | 1987-07-26 | " " | (terglobo,stelo kun E. |
| 12 | | Qishuyan | 1987-07-26 | " " | (terglobo,stelo kun E. |
| 13 | Changshu | Changshu | 1987-07-26 | " " | (stelo,jubilea simbolo |
| 14 | | Changshu | 1987-07-26 | " " | (stelo k jubilea simbolo (super manoj. |
| 15 | | Suzhou | 1987-07-26 | " " | (stelo kun E. |
| 16 | Liaoning | Shenvang | 1987-07-26 | " " | (terglobo kun Esperanto |
| 17 | Shaanxi | Xilan | 1987-07-26 | " " | (terglobo kun Esperanto |
| 18 | Xinjiang | Urumgi | 1987-07-26 | " " | (terglobo k stelo k E. |
| 19 | | Changii | 1987-07-26 | " " | (stelo kun E |
| 20 | Zhejiang | Jiaxing | 1987-07-26 | " " | (stelo kun E |
| 21 | Anhui | Hefei | 1987-07-26 | " " | (stelo kun E. |
| 22 | | Malanshan | 1987-07-26 | " " | (Jubilea simbolo k Esperanto |
| 23 | Fujian | Fuzhou | 1987-07-26 | " " | (buŝo kun jubilea simbolo |
| 24 | Henan | Zhengzhou | 1987-07-26 | " " | (terglobo kun jubilea simbolo |
| 25 | Hubei | Wuhan | 1987-07-26 | " " | (simbolo k Esperanto |
| 26 | Hunan | Changsha | 1987-07-26 | " " | (rondforma |
| 27 | Guangdong | Guangzhou | 1987-07-26 | " " | (terglobo k jub.simbolo |
| 28 | | Shenzhen | 1987-07-26 | " " | (terglobo k jubilea simb. |
| 29 | | Jiangmen | 1987-07-26 | " " | ( " |
| 30 | | Yangjiang | 1987-07-26 | " " | (terglobo kun jubilea simbolo |
| 31 | Guangxi | Naning | 1987-07-26 | " " | (terglobo kun E. |
| 32 | Yunnan | Kunming | 1987-07-26 | " " | (artsatelito k jub. simbolo |
| 33 | Sichuan | Chengdu | 1987-07-26 | " " | (terglobo,stelo kun E. |
| 34 | Shanxi | Taiyuan | 1987-07-26 | " " | (kun Esperanto |
| 35 | Jilin | Changchun | 1987-07-26 | " " | (terglobo k buŝo |
| 36 | Heilongjiang, | Haerbin | 1987-07-26 | " " | (rondforma |
| 37 | Ningxia | Yinchuan | 1987-07-26 | " " | (Manpremo,terglobo,Esperanto |
| 38 | Guizhou | Guiyang... | 1987-07-26 | " " | (terglobo kun Esperanto |
| 39 | Jiangsu | Wuxi | 1987-07-26 | " " | (terglobo kun Esperanto kaj buŝo |
| 40 | | Yanghou | 1987-07-26 | " " | (Jubilea simbolo |
| 41 | Fujian | Ningde | 1987-07-26 | " " | (terglobo kaj stelo kun Esperanto-libro |
| 42 | Sichuan | Mianyang | 1987-07-26 | " " | (Filatela ekspozicio pri Esperanto (terglobo,stelo kaj (jubilea simbolo |
| | | Mianyang | 1987-07-26 | (Filatela,kolombo k stelo kaj E. | |

Indekso de "Katalogo de Ĉinaj Esperanto-poŝtstampoj"

Laŭ urboj

1. hanlingva fonetiko 2. hanlingvaj ideografiaĵoj
3. Esperanta transskriba sistemo 4. numeroj

| 1 | 2 | 3 | 4 | 1 | 2 | 3 | 4 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Beijing | 北京 | Pekino | 2-4, 6 | Nanjing | 南京 | Nankino | 10 |
| Changchun | 长春 | Ĉangĉun | 35 | Nanning | 南宁 | Nanning | 31 |
| Changji | 昌吉 | Ĉangĝji | 19 | Ningde | 宁德 | Ningde | 41 |
| Changsha | 长沙 | Ĉangŝa | 26 | Qingdao | 青岛 | Ĉingdaŭ | |
| Changshu | 常熟 | Ĉangŝu | 13-14 | Qishuyan | 戚墅堰 | Ĉjiŝujan | 12 |
| Changzhou | 常州 | Ĉangĝou | 5, 11 | Shanghai | 上海 | Ŝanhajo | 8 |
| Chengdu | 成都 | Ĉengdu | 33 | Shenyang | 沈阳 | Ŝenjang | 16 |
| Chongqing | 重庆 | Ĉongĉing | | Shenzhen | 深圳 | Ŝenĝen | 28 |
| Fuzhou | 福州 | Fuĝou | 23 | Suzhou | 苏州 | Suĝoŭ | 15 |
| Guangzhou | 广州 | Gŭangĝou | 27 | Taiyuan | 太原 | Tajŭan | 34 |
| Guilin | 桂林 | Gujlin | | Tianjin | 天津 | Tjanĝin | 9 |
| Guiyang | 贵阳 | Gujjang | 38 | Urumqi | 乌鲁木齐 | Urumĉi | 18 |
| Haerbin | 哈尔滨 | Harbin | 36 | Wuhan | 武汉 | Vuhan | 25 |
| Hangzhou | 杭州 | Hangĝoŭ | | Wuxi | 无夕 | Vuŝji | 39 |
| Hefei | 合肥 | Hefej | 21 | Xi'an | 西安 | Ŝji'an | 17 |
| Jiangmen | 江门 | Ĝjangmen | 29 | Yangjiang | 阳江 | Janggjang | 30 |
| Jiaxing | 嘉兴 | Ĝjaŝing | 20 | Yangzhou | 杨州 | Janggoŭ | 40 |
| Kunming | 昆明 | Kunming | 1, 32 | Yinchuan | 银川 | Jinĉuan | 37 |
| Ma'anshan | 马鞍山 | Ma'anŝan | 22 | Zhengzhou | 郑州 | Ĉengĝoŭ | 24 |
| Mianyang | 绵阳 | Mianjang | | | | | |

## Dankon!

Koran dankon mi direktas al ĉiuj, kiuj sendis al mi ĉinajn filatelaĵojn kaj informojn pri ili. Speciale al Song Shengtan, Dai Songen, Chen San (KORALO), Ba Zin K, Wang Zhou, Cui Haijing, Li Changlu, Gao Wei. Nia amiko Ĉin Kajĝi sendis eĉ tutan liston pri ĉiuj stampoj ĝisdate konataj kaj kompletan kolekton da fotokopioj, krome liston pri la ĉinaj urbonomoj en hanlingva fonetiko kun ETS (esperanta transskriba sistemo) kaj kun la koncernaj ideogramoj. Mi pardonpetas, ke ne eblas aperigi ĉiujn informojn lige kun la stampoj, kaj ke kelkfoje mankas iuj informoj.

Al ĉiuj mi jam persone dankis per letero, tamen ĉi-loke denove.

*Burmeister*

우 편 엽 서

보내는 사람




받는 사람




국제어에스페란토 발표100주년 기념

ESPERANTO
100 JAAR
INTERNATIONALE TAAL













